

2-A RENKONTIĜO DE ESPERANTISTOJ
EN TURČIANSKE TEPLICE

# ESPERANTO AGADO

DE ESPERANTISTOJ EN

MARTIN KAJ JIHLAVA

METODOLOGIA HELPILO VII-VIII 1963

En julio okazis en urbo Jihlava jam la 14-a Filmfestivalo de la laboruloj. Sur la bildo vi vidas ekranon en Parko de Kulturo kaj Ripozo, kie la filmfestivaloj estas arangataj. La ekrano estas unu el la plej grandaj en Meza Europo. La spektaklojn en natura amfiteatro povas viziti ĝis 12.000 homoj. Ankaŭ ĉi jare la festivalo ĝuis grandan intereson de jihlavanoj, ĉar estis prezentitaj elstaraj filmoj ne nur el Ĉeĥoslovakio, sed ankaŭ de eksterlando.

⟵ /Fotis D-ro F. Kubica/

okazis la 25-26an de majo ĉi-jara en Ripozdomo de la Maŝinuzino de Turiec. Partoprenis ĝin 45 ges-anoj el 12 lokoj kaj kelkaj gastoj el Moravio, frunte kun Jihlavanoj. La kunvenon , kiun partoprenis ankaŭ neesperantista publiko, gvidis s-ano A. Čambál.

La ĉefa ero de la sabat-vespera programo estis slovak-lingva prelego de Aug. Matovčík pri "100 jaroj de Matica slovenská". Parto de la prelego estis tralegita ankaŭ en Esperanto.-Poste ges-anoj Krajčíková, Naŭtová kaj Špigúth prezentis deklammuntaĵon el la poeziaĵoj de slovakaj poetoj-klasikuloj rilatantaj al la jubileanta Matica slovenská. El la neesperantista publiko aprezis la programon la 79-jara Teplicano k-do Bukovský kaj el inter la esp-istoj s-ano Hošek el Gottwaldov.

Dimanĉe s-ano Čambál raportis pri la agado de la E-rondeto en Martin. Post la saluto kaj raporto de la delegito de Ĉehoslovaka E-komitato parolis k-dino Otilia Jurkovičová, reprezentantino de la Kleriga Instituto en Bratislava; interalie ŝi anoncis, ke la 12-13an de junio okazos en Ružomberok kunveno de la direktoroj de la slovakaj klerigaj institucioj, dum kiu ŝi parolos pri tio, kia devus esti ilia rilato al la E-rondetoj.

La kunveno estis plensukcesa, dank' al s-ano Hupka, kiu ĝin zorge organizis.

## NACIA ARTISTO MARTIN BENKA KAJ ESPERANTO

Nia amiko Jaroslav Šustr en Praha, al kiu ni sendis la 1-an n-ron de nia Esperanto-Agado, gratulis al ni, sed samtempe ankaŭ riproĉis, ke sub la desegnaĵo de Majstro Benka ni forgesis mencii, ke li estas esperantisto. J.Š. skribas: "Ĉiu klera homo en Ĉehoslovakio scias, ke li estas nacia artisto, sed kiu scias, ke li apartenas ankaŭ al nia esperantista familio ? Eĉ la plej multaj esperantistoj nekonscias pri tio. Citante la nomon de tia artisto skribu estonte: nia membro nacia artisto M.B., aŭ: membro de E-rondeto en Martin. La atentigo estas sincera kaj serioza- ne refutu ĝin."

Akademia pentristo kaj nacia artisto Martin Benka estas ne nur esperantisto kaj nia favoranto, sed - kiel Esperanta verkisto - ankaŭ nia regula kunlaboranto. Jen la listo de liaj ĝisnunaj kontribuaĵoj :

Stranga koncerto (Esperantisto Slovaka 1948 pĝ 160).- Artpentristoj, ni vokas vin! (ES.1949 pg 52).- Nia stelo. Pri la ĝusta desegnado kaj presado de la verda stelo (pĝ 113). - Slovaka pentroarto (E.S. 1950 pĝj 50,77,87,128,151 kaj E.S.1951 pĝ 7) . - La gravurita bastono. (Esperanto en Slovakio 1958 pĝ 18 -transprenita el "Norda Prismo" en Svedujo).- Kion signalizis Lajka el la dua satelito? (E. en S. 1958 pĝ 25).- Por niaj infanoj : El la lernejo. La prudenta mensogulo. Nekontentiga aĉetaĵo. Scivolemo. Prudento. (E. en S. 1958 pĝj 65-66) . Malamikoj. Laŭ la leĝo de la naturo. (E. en S. 1958 pĝj 76-77).- La naturamiko. (Esperanto Martin 1960 pĝ 5).- Du gekunuloj. (EM pĝ 46).- Strigo kaj kokino. (E.M.1961 pĝ 21 - 22).- Scivolo kaj envio. (E.M.pĝj 28-29) .

Pri Martin Benka informas jenaj artikoloj : Majstro Martin Benka 60-jara (Esperantisto Slovaka 1948 pĝ 160) . Omaĝe al Martin Benka. (Esp. en Slovakio 1958 pĝ 76) . - Martin Benka en Martin. (E.M. 1960 pĝ 5). - Intervjuo kun nacia artisto Martin Benka (E.M.1960 pĝ 35).

Bildserieton de M.Benka aperigis Revuo-Esperanto kun artikolo de J. Kuzmík. - Eliz

## Iom pri la "abelreĝina ĵeleo" kaj ĝiaj efikoj.

La abelreĝina ĵeleo (materská ; materinská kašička), estas jam regule aplikata en la kuracado. Ĝi estas ekskreciaĵo (eligaĵo) de faringaj glandoj de 8-12- tagaj abeloj. Laŭ ĥemia strukturo ĝi estas 10-hidroksida-delto-deceina acido. Ĝi entenas plurajn vitaminojn kaj aliajn plifortigajn kaj refreŝigajn elementojn. Gravas ilia plej konvena kombino, kiun la sciencistoj ankoraŭ ne sukcesis atingi.

Ĝi estas uzata dum unu jaro en kelkaj kuracadciklo j (periodoj) . La tagan kvanton kaj la daŭron de kuracad - periodoj kun interpaŭzoj fiksas la fakkuracisto (ekz. 50 miligramoj da ĵeleo ĉiutage dum 20 tagoj, do entute 1gramo, aŭ 2 gramoj dum 40 tagoj kun posta 2-monata paŭzo k.s.

Ĝi efikas ĉe astmo bronĥa, kaŭzita de bakterioj - la atakoj ĉesas, sed ĝi ne efikas ĉe astmo kaŭzita de diversaj vegetaĵpolenoj (rostlinný pyl; rastlinný peľ). - Ĉe arteriosklerozo kun malalta sangopremo ĝia efiko estas 100%-a, sed ĉe tiu kun alta sangopremo ĝi efikas nur en 40%-oj da kazoj, tamen subjektive la pacientoj sentas sin pli bone. Post 3-4 kuracadperiodoj ankaŭ ĉe ili montriĝas certe tendenco al pliboniĝo de la malsano.- Post apopleksio (sangelfluo en la cerbon) la movebleco kaj funkcioj pliboniĝas pli frue ol sen kuracado per la abelreĝina ĵeleo. Post korinfarkto (parta formorto de la kormuskolo pro subite ekestinta fluobaro en la respektiva nutranta angio) la doloroj mildiĝas, la subjektivaj malfacilaĵoj, kiel opreso (=tlak) cedas, spirmanko malaltiĝas. Post tromboflebito (vejninflamo) la stato pliboniĝas sekve de la fibrinolizo (solvo-likvido-fluecigo de la filamentforma organika substanco disiĝanta el la sango kaj ŝtopanta la inflamiĝintan vejnon). - En la porvirina medicino - la klimakteriaj (přechodové ; prechodové) malfacilaĵoj kaj eĉ psiĥozoj mildiĝas. La habitualaj (regulaj) abortoj ĉesas. - La ĵeleo havas kontraŭdiabetan efikon, sed la statoj post infekta hepatito (infekční zánět jater; nákazlivý zápal pečene) kaj angino ne reagas sufiĉe bone, des malpli la reŭmatismo, tuberkulozo kaj malignaj tumoroj - ("Malbonintencaj" svelaĵoj kiel ekz. kanceroj) .

En ĈSSR estas antaŭvidata fabrikado de tablojdoj (tablety) , entenontaj abelreĝinan ĵeleon.

(Laŭ la raporto de Doc.D-ro E.Malý el la medicina fakultato en Košice al la medicinistoj en Martin - la 29-an de majo 1963, notis Eliz. Ni aperigas ĉi tiun koncizajn notojn sen garantio, ĉar la ĝisnunajn spertojn rilatas al ankoraŭ relative malgranda nombro da fake kuracataj kaj esplorataj pacientoj) .

**40 jaroj de Esperanto en Přerov.** En la nordmoravia - urbo Přerov okazis la 18 - 19an de majo renkontiĝo de esperantistoj kaj plenkunsido de Ĉehoslovaka E-Komitato por soleni la 40-an - datrevenon de la fondo de Esperanto-klubo. Sabate okazis interkona vespero kun estrada prezentado, kiun enkondukis k-do Chytil. Dimanĉe matene komenciĝis la solena kunveno. Malfermis ĝin k-do Vymětal. K-do Opršal deklamis la poemon de Otakar Březina: Ho, mia patrin'! K-do Chytil tralegis la leteron de k-do Adolfo Malík, kiu ne povis ĉeesti, pri la historio de Esperanto - movado en Přerov. Poste salutis la reprezentantino - de la Distrikta Nacia Komitato, sekcio por lernejoj kaj klerigo, kaj gek-doj Jermář, prezidanto de CSEK el Praha, Kočvara (Ostrava) , Mohapl (Olomouc) , Kilián (Třebíč), Slanina (Praha), Izák (Martin), Liška (Ostrava-Hulváky), Milatová (Třinec) , Pospíšil (Olomouc), Stadník kaj Římský, Kostka el Liberec, Bláha (Gottwaldov), Závodský (Žilina), Sattek (Příbor) , Dryák (Praha) kaj aliaj. Ambaŭ aranĝoj estis plensukcesaj, tamen ni bedaŭras, ke kaj la sabata prezentado de la talentita, loka estrada grupo estis nacilingva, kaj dum la dimanĉa solenaĵo nur malmul - taj parolantoj uzis la internacian lingvon, ĉar ambaŭ aranĝojn partoprenis ankaŭ franca esperantisto André Giovenal el Lyon.

---

## INTERNACIA RENKONTIĜO EN JIHLAVA

Komence de junio vizitis nian urbon unu franca esperantisto, s-ro France Guerre el ROUEN, kun sia edzino. Kvankam ili loĝis preskaŭ dum ilia tuta libertempo en Jihlava, ili ekkonis helpe de propra aŭtomobilo multe da aliaj belegaj anguloj en nia patrujo. Ekzemple Tábor, Hluboká, Jindřichův Hradec, Macocha, Slavkov, Telč, Žleby, Kutná Hora, Kačina, Sedlec, Liberec, Karlův Týn, Praha.

Samideano Guerre el Rouen prelegis dufoje en nia klubo pri Jugoslavio, Germanio kaj kompreneble pri Francio kaj afable respondis al ĉiuj demandoj de niaj anoj. Sian rakonton li akompanis per eminentaj koloraj diapozitivoj, kiujn li plejparte mem fotografis. Nia renkontiĝo estis bona propagando de Esperanto, precipe verda flageto sur aŭtomobilo vekis grandan intereson en ĉiuj lokoj, kien ili veturis.

Mi povas diri, ke niaj gastoj estis ĉi tie kontentaj kaj ke ilia ekskurso en Ĉeĥoslovakion bone helpis al ideo de amikeco inter nacioj. Mirek Lysý

## LA ADIAŬA LETERO DE GES-ROJ GUERRE

Al niaj karaj amikoj ĉeĥaj el Jihlava !

Hodiaŭ estas la lasta tago por mia edzino kaj mi en via bona, agrabla, trankvila kaj varma medio en Jihlava, la lasta tago de nia libertempo en via regiono. Mi dankas ĉiujn por afabla akcepto kaj por la sindoneco de fratoj Lysý kaj iliaj familioj. Mi volas danki ankaŭ al ges-roj Šlosárkovi por bona vespero, kiun mi travivis en ilia domo.

Mi ne timas diri, ke via lando estas belega kaj posedas trezorojn de arkitekturo skulptarto, pentroarto ktp., kvankam propra mia lando posedas ankaŭ antikvajn valoraĵojn.

Do, mi kunportos fortan impreson, kiu instigos min reveni.

Vivu Ĉeĥoslovakio, vivu la frateco, vivu Esperanto!

Ges-roj G u e r r e F., 14, rue Poussin, R O U E N Seine M-me Francio

# ESPERANTO

ILO DE INTERKOMPRENIĜO INTER NACIOJ

Antaŭ du semajnoj mi travivis la plej agrablajn momentojn ek de la komenco de mia esperantiĝo. Jes, renkontis min granda feliĉo - mi havis okazon, persone konatiĝi kun mia esperanta amiko kaj korespondanto, samideano Andre Cherpillod el Parizo. Kun li mi jam korespondas sufiĉe longe, preskaŭ du jarojn. Verdire, interkonatigis nin fotografaĵo de la franca aktoro Jean Marais, pri kies bildo mi kuraĝis peti eĉ delegiton de UEA, samideanon Cherpillod. Li tiam tre volonte plenumigis mian peton kaj post interŝanĝo de kelkaj leteroj ni ekkonis, ke ni povas esti bonaj geamikoj kaj gekorespondantoj. Sed, kiel samideano Andre diras, nia "spirita patro" estas tamen la filmaktoro Jean Marais.

Dum nia korespondado ni eksciis, ke li jam foje vizitis nian landon, okaze de UK de Esperanto en Varsovio. Ni ambaŭ tre bedaŭris, ke ni ne ekkorespondadis pli frue. Precipe mi mem estis tre trista, ĉar dum kvin jaroj de mia korespondado kun fremdlandanoj mi havis eblecon renkontiĝi nek kun unu el ili. Nur nun! Ĉi-jara somero estis de mi tre malpacience atendata. Ja, samideano Andre promesis jam pasintjare al mi, ke li vizitos denove nian respublikon okaze de Universala Kongreso de Esperanto en Sofio. Li sciigis min, ke li alveturos kun sia amiko, samideano Georges, ankaŭ Esperantisto el Parizo. Ilia alveturo al Jihlava estis difinita por la tagmezo de la 24-a de julio. Sed post tuttaga vana atendo, mi ricevis telegramon, sciigantan, ke ili alveturos la 25-an vespere. Kaj la tempo tiel malrapide forpasis! Atendis mi kun mia patrino kaj iuj Esperantistoj, niaj klubanoj, alvenintaj bonvenigi karajn gastojn el Francujo. Fine malfrue vespere ili alveturis motocikle, kvazaŭ ili estus altirigitaj per nia senpacienco kaj atendo. Mi tute ne povas eldiri, kiel mi sentis min, ekestinte antaŭ mia franca korespondamiko, konatan de mi nur laŭ fotografaĵoj, kaj per la leteroj. Sed post kelkaj unuaj frazoj ni jam babilis tiel amike, kiel delongaj konatuloj.

Niaj gastoj ne havis sufiĉe da tempo por resti longe en Jihlava. Jam sabate posttagmeze ili devis forlasi Jihlavon, por ke ili estu ĝustatempe en Sofio, por komenco de 48-a UK de Esperanto.

Al niaj gastoj tre plaĉis en nia respubliko. Kiam ni parolis pri belecoj de diversaj urboj, samideano Andre diris: La plej bela urbo en la mondo estas Parizo, kaj la dua - Via Praha!

Ne volonte niaj gastoj adiaŭis kun ni. Sed ili promesis, se estos eble, alveturi denove vintre dum Kristnasko.

Semajnon poste alveturis aliaj karaj gastoj, samideano Nils Kindgren el Kalmar en Svedlando kun sia amikino Margaretha. Samideano Nils estas jam longjara bona korespondanto de mia patrino. Ĉi-jare li eluzis okazon, kaj post fino de SAT Kongreso en Hamburgo alveturis kun sia amikino al Jihlava per propra aŭtomobilo. Niaj svedaj amikoj havis pli multe da tempo kaj vizitis fame konatajn grotojn de Macocha en Moravia karsto kaj belegan kastelon - Hluboká. Ambaŭ vizititaj lokoj tre plaĉis al ili.

Dimanĉe, per ilia forveturo finiĝis por mi belega tempo de momentoj, travivigitaj kun fremdlandaj Esperantaj geamikoj.

Tiam mi tute ekkonis utilecon kaj bonan ideon de Esperanto. Mi neniam forgesos ĉi-jaran someron, eĉ kiam mi forte esperas, ke tiuj travivaĵoj baldaŭ ripetiĝos!

Lydie Panská

**VÝSTAVA ESPERANTO A UNESCO**
**JIHLAVA DŮM KULTURY ROH**
**1.-15.IX.1963. DENNĚ 9-13 14-18 HOD.**

INFANOJ NE KONAS LIMOJN.

Sub tiu ĉi titolo aranĝis anoj de E-rondeto en psikiatra resanigejo en Jihlava okaze Internacia Tago de Infanoj ekspozicieton de infanaj desegnaĵoj el Japanujo, Italujo, Finlando, Vietnamo, Pollando, Nederlando kaj Ĉehoslovakujo.
La desegnaĵoj estis plejparte de 7-8 jaraj infanoj kaj granda intereso estis pri Finaj kaj Japanaj desegnaĵoj kaj ankaŭ tre plaĉis la bildetoj de ĉehaj cikanaj infanoj.
La interesa ekspozicieto daŭris dum du semajnoj kaj vizitis ĝin multe da vizitantoj grandaj eĉ malgrandaj. Ĝi estis valorata kiel merita laboro .

K-do D-ro Miloš Chyba, por Esperanta referanto de Kleriga Instituto en Praha, transiris en alian sekcion kaj lian lokon okupis k-dino Škrábková el la II-a sekcio. Ni kore dankas al D-ro Chyba pro lia ĝisnuna efika kunlaboro kaj bonvenigas la novan referantinon.

---

Rara jubileo. Esperantista pioniro, samideano A.D. Kremer Šarišské Michalany S-185, okres Prešov atingis la 85-an vivojaron. Ankaŭ ni aliĝas al la multaj gratulantoj, kiuj salutis nian karan "paĉjon" persone kaj aŭ perletere, dezirante al li pluan sanon.

Ivan Dimov gvidanto de Esperanto - kursoj, Str. Jor. Zjutibrodski 12, VRACA Bulgario, serĉas gekorespondantojn ĉiulandajn por siaj gekursanoj, diversaĝaj gelernantoj, geinstruistoj, geagronomoj k.a.

Ekspozicio pri Esperanto

Uzina Klubo de Revolucia Sindikata Movado de Oktobra Revolucio, en la moravia urbo Bojkovice aranĝis de la 9-a ĝis la 23-a de junio ekspozicion pri niaj literaturo, korespondado kaj diversaj interesaĵoj. Okaze de la solena malfermo s. Jan Tichon, delegito de UEA parolis pri la signifo de Esperanto.

S A L O M O N A   V E R D I K T O

Jen plej vera historio
el Aŭstrio - Hungario,
la estinta monarĥio
de Habsburga dinastio:

Poŝtisto Ján Krupec inviton ricevis
de Imperiestra Militkomandanto -
la koro ektremis, ja preskaŭ eĉ krevis,
glacie tuŝita de Morto - Giganto !...
...Li pene sin trenis al ĉefkuracisto :

"Vi savis min brile de trista pereo -
jen nova minaco por mia ekzisto !...
Min savu ankoraŭ el faŭk' de l' armeo!"

Ekflugis depeŝo returna, ekspresa:

"JAAN KRUPEC MALSANIS JE TIF ABDOMENA
LA RESANIGADO JA ESTIS SUKCESA
SED RESTIS POSTSEKVO TRE KONTRAUHIGJENA
LI ESTAS ANKORAU NUN BACILPORTANTO"

Samtage refulmis respond' ultimata
de Imperiestra Militkomandanto :

"LA REGNON ATENDAS BATALO PLEJ FATA
POSHTISTO JAAN KRUPEC TUJ MOBILIZIGHU
LI KIEL HELPONTO DE CHEFINTENDANTO
AL ARMEPROVIZO SIN VERVE DEDICHU
KAJ PER LA FUNKCIO DE BACILPORTANTO
JA KOMISIIGU ALIAN PERSONON
GHIS MORGAU PLENUMU LA STRIKTAN ORDONON"

(El la kolekto "Eskulapo ridetanta" de Eliz, laŭ la rakonto de D-ro Čierny)



La bildo dekstre: Belega statuo, prezentanta Muzon de muziko. Troviĝas en la parko de Smetana en Jihlava. /Fotis D-ro Kubica/

A N E K D O T O

Malgranda knabo sidis ĉe dompordo. Venis sinjoro kaj demandis: "Ĉu via patro estas hejme?" "Jes", respondis la knabo, "li estas hejme". La sinjoro sonoris, sed neniu venis al la pordo. "Vi diras, ke via patro estas hejme, sed kial neniu venas malfermi?" demandis la sinjoro. "Mi ne scias, ni ne loĝas ĉi-tie", estis trankvila respondo.

Závodný výbor ROH Turčianskych strojární n. p. v Martine vydal v spolupráci s Domom kultúry ROH v Jihlave a závodným výborom Grafia v Jihlave učebné texty "Základy medzinárodného jazyka ESPERANTO" pre členov a kurzistov esperantských záujmových krúžkov pri uvedených zariadeniach. Rež. prísp. 10,--Kčs. Expeduje: Esperantský krúžok pri ZV ROH GRAFIA, Srázná 17, JIHLAVA, Jihomoravský kraj.

REDAKCIA ATENTIGO: Por plifaciligi la laboron de la troŝarĝita presejo, ĉi tiu numero estas multobligita.

Preskaŭ la tutan enhavon de tiu ĉi ESPERANTO-AGADO maŝinreskribis por fotografado nia vigla kunlaborantino F. Čápová. Ŝia kunlaboro estas la plej meritplena, ĉar ŝi havas nur unu brakon. Akceptu nian varmegan dankon, kara s-anino Čápová. V-T

K O R E S P O N D I   D E Z I R A S :

JANA ŠLAJCHRTOVÁ, 18-jara fraŭlino, PELHŘIMOV 878, Ĉeĥoslovakio

VICTOR CARLOS AFONSO DIAS - Bª La Candelaria, c/.3ª rª 51 /La Cuesta/ TENERIFE Islas Canarias - España

MANUEL LUIS DORTA - Bª La Candelaria, c/. 3ª rª 43 /La Cuesta/ TENERIFE Islas Canarias - España

MARIN PARLEV, Str. P. Spraŝ N.7, TETEKEN, Bulgario

Gekursanoj de studenta Esperanta kurso. Skribu al JORDAN KAZAKOV Str. Komsomolska 8, R U S E, Bulgario

REIGL ENDRE, 16-jaraĝa knabo, Str. Kálmány Lajos 6, S Z E G E D, Hungarujo

ZLATKOVIČ NADEŽDA, 13-jaraĝa knabino, Str. Svetozara Markoviča 12 b, P A R A Ć I N, Jugoslavio




Ĉion por la redakcio adresu: ESPERANTO, poŝtfako 80, MARTIN Stredoslovenský kraj, Ĉeĥoslovakio

Ĉion por la administracio adresu: ESPERANTO-GRUPO GRAFIA, Srázná 17, JIHLAVA, Jihomoravský kraj, Ĉeĥoslovakio

Presis: GRAFIA Jihlava - Pov. MěstNV-114-Vá-63